


*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**6a jaro Februaro 1936 N-ro 56**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA
CHINCHILLA, N.° 2

*Redakcio kaj Administracio:*
APARTADO DE CORREOS 1.089
MADRID (HISPANUJO)

*Los giros a* D. BENITO ANGUIANO, *Paseo de Extremadura*, 74.

## Notoj por la nunmonata esperanta vivo

— *Peti al la Redakcio de H. E.-G. originalon por publikigi sur mia loĝurba gazetaro ĝian tradukon (vidu «Eksterlanda kroniko»).*

— *Pagi la reabonon al H. E. A. (premio de frupaginto ĝis la 15a de februaro).*

— *Ne forgesi ĉiam kaj ĉie surporti la verdan stelon.*

## RESUMEN DEL ACTA LXX DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la sesión celebrada el 4 de enero de 1936 se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Leídas varias cartas de KEF'anos y del Comité organizador del XI Congreso Nacional de Esperanto, se acordó fijar en principio las fechas del 3 al 7 de junio para las sesiones de dicho Congreso, a fin de que no coincidan con las del Congreso de KEF en Manresa, que se celebrará del 30 de mayo al 2 de junio, y de este modo dar mayor brillantez a ambos Congresos. Así se notificará a KEF.

2.° Se aprobó el proyecto de *Kongresmedalo* hecho por D. Jacinto Martín, quien presentará presupuestos para la acuñación de la misma.

3.° Se leyó y aprobó el despacho ordinario de Secretaría, en el que figuran, entre otros documentos, una postal de D. Antonio Carbonell y otros samideanos de Alcira, en la que se dan de baja por estimar que la Revista no guarda la debida *neŭtraleco* esperantista. Se acordó contestarle que se tendrán en cuenta sus indicaciones y se corregirán posibles deficiencias en este asunto.

4.° En contestación a una carta de la Agrupación Española de Maestros Pacifistas (Valencia), en la que solicitan un premio para el primer concurso infantil de escritores pacifistas, se acordó enviarles cien folletos «¿Qué es el Esperanto?»

5.° Se acordó dejar en suspenso el acuerdo 5.° del acta LXVI por circunstancias del momento.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## RESUMEN DEL ACTA LXXI DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA

En la sesión celebrada el 13 de enero de 1936 se tomaron por unanimidad los siguientes acuerdos:

1.° Se aprobaron las actas LXIX y LXX de las sesiones anteriores.

2.° En vista de una carta de K. E. F. en la que agradece la proposición de variar la fecha del XI Congreso Nacional de Esperanto, cuyas sesiones se celebrarán del 3 al 7 de junio, pero insiste

en que H. E. A. no celebre Congresos en Cataluña, se acordó contestar, cortéstemente, que no es posible acceder a esta última petición.

3.° Se acordó reeditar el carnet de H. E. A. para distribuirlo entre los asociados, sin perjuicio de entregarles también el carnet de U. E. A. cuando se reciba, y en previsión de que este último tarde en recibirse.

4.° Se leyó una carta del editor de BES-adresaro, que solicita las cuotas del jarlibro de 1937 y la lista de los inscritos para marzo próximo. Se le contestará que no es posible darle antes de septiembre una contestación definitiva.

5.° Se aprobó el balance de cuentas de H. E. A. hasta fin de diciembre.

6.° Se leyó una carta de U. E. A. relativa a las dificultades para celebrar en España un Congreso Internacional.

El secretario, *Fernando Redondo.*

---

## Ante un reloj de sol

En una vetusta torre
de una villa castellana
contemplé un reloj de sol,
que esta divisa ostentaba:

* * *

«*Mi vara de hierro*
*tan sólo señala*
*las horas de luz,*
*las buenas, las blancas.*»

* * *

¡Las horas serenas
que siguen al alba,
el viejo cuadrante
tan sólo marcaba!

* * *

¡Su lengua de hierro
con mudas palabras
me dijo: la vida
es sombra que pasa!

* * *

¡No volverá nunca
esa hora que mata

## Rigardante sunhorloĝon

Iam sur malnova turo
de Nov-Kastila vilaĝo
mi rigardis sunhorloĝon
kun la jena murskribaĵo:

* * *

«*Mia fera stango*
*estas nur montranta*
*la el lumo horojn,*
*gajajn, bonajn, blankajn.*»

* * *

La trankvilajn horojn
al tagiĝ' sekvantajn
montris la gnomono
sur la muro stara!

* * *

Tiu fera lango
mute sciigadas,
ke la vivo estas
ombro forpasanta!

* * *

Neniam revenos
jam horo signata

la sombra del gnomon
en la torre magna!

* * *

¡Para cuántos seres
será la ensombrada,
la postrera, la última,
la negra, la amarga!

* * *

¡El «ayer» pasó;
dudoso es «mañana»!
¡Vivamos el «hoy»
con toda esperanza!

* * *

¡Borremos lo triste
sufrido en desgracia;
guardemos lo plácido,
lo bueno en el alma!

* * *

¡Las horas de luz
tan sólo marcaba!
¡Sigamos su ejemplo!
¡Marquemos las blancas!

FRANCISCO SEGUI

per la fera stango
de la turo granda!

* * *

Por kiom da homoj
ĝi estos la lasta
nigra kaj maldolĉa,
ombra kaj malvarma!

* * *

Estinto forpasis,
morgaŭo ja naskas!
Vivu ni hodiaŭ
kun espero sankta!

* * *

Surstreku malĝojojn,
dolorojn malpacajn;
gardu ĉe l' animo
kio estas gaja!

* * *

La horojn ĝi signas,
sed, ho!, nur la tagajn!
Faru ni la samon!
Signi nur la blankajn!

*Trad.*: F. R.

---

## XIVª INTERNACIA TENDARO DE S. E. L.
## (SKOLTA ESPERANTISTA LIGO)

Ĝi okazos en Anglujo, en la lando kie skoltismo naskiĝis, apud Ipswich, urbo ne malproksime je Londono kaj Cambridge, je 20 kmj. de la marbordo, de la 18ª ĝis la 29ª de nunjara julio.

Kvankam ĝi ne estas esperantista kunveno, ĝi ne ankaŭ estas indiferenta al ni. Skoltistoj scipovantaj Esperanton rajtas porti sur siaj uniformoj insignon kun la vortoj «Esperanto parolata». Sed la Brita Skoltasocio ankoraŭ ne estas sufiĉe konvinkita pri la praktika utileco de nia lingvo. Do, esperantistoj povas profiti la nunjaran tendaron por propagandi Esperanton ĉe la estraraj medioj de la skoltaro.

Sur la *Skolta Bulteno,* el kie ni ĉerpas la suprajn notojn, ni legas ke hispana agento de S. E. L. estas S-ro Pedro Marqueda (grupo «Frateco», strato Roda, 14 kaj 16, Zaragoza), kiu sendube ekceptos korespondadon de interesemuloj pri tiu-ĉi afero.

## —o— AVISO —o—

Los hea'anos que hayan pagado o paguen su abono antes del 15 del actaul recibirán gratuitamente los dos primeros pliegos del Vocabulario Español-Esperanto.

Los que no paguen antes de primero de marzo no recibirán el número de dicho mes mientras no se pongan al corriente. Tomamos esta medida para no perder ejemplares de la Revista, que después nos pudieran hacer falta para completar las colecciones de los samideanos que se den de alta durante el año. Los giros al tesorero, don Benito Anguiano, Paseo de Extremadura, 74.

## XI[a] NACIA KONGRESO DE ESPERANTO

*Averto al ĉiuj.*—HEA-ano: XI[a] Nacia Kongreso de Esperanto okazos en Barcelono de 3-7 de junio. Se vi volas ke nia E-Kongreso estu sukcesa kaj efika, klopodu ĉeesti la Kongreson, portu vian sableron por nia konstruaĵo, sendu senhezite vian aliĝon kaj kotizon al la sekretario de la Organiza Komitato, strato Sitjas, 3, Barcelona. Kara samideano! Vi ja scias, ke organizado de E.-Kongreso bezonas monon, ne neu do, vian 5 pesetan helpon al la O. K.; per via kotizaĵo, la O. K. faros multon por nia afero. Ne hezitu, plenumu vian esperantistan devon, ĉar la afero ĝin postulas. La O. K. kaj la Komitato de H. E. A. tion petegas al vi. Por la bono de Esperanto, al la Kongreso de Barcelono la tuta hispana esperantistaro!

Kotizoj: Individua aliĝo, 5 ptoj. Por E.-Grupoj kaj Societoj, 10,00 ptoj.

Madridanoj povas pagi sian aliĝon ĉe la sekretariejo de H. E. A., strato Chinchilla, 2, de 6-8 vespere ĉiutage.

* * *

Kelkaj samideanoj demandas: ĉu Barcelono estas oportuna kongresurbo?

—Jes, ĉar en Katalunujo loĝas 251 heaanoj, tio estas, proksimume la triono de nia tuta asocianaro. Kaj el ili, 149 loĝas en Barcelono, kiu estas, krom Madrido, la urbo havanta pli da membroj de H. E. A., ne enkalkulinte la aliĝintajn membrojn (*miembros adheridos*).

* * *

*Ŝanĝo de datoj.*—Ĉar K. E. F. okazigas sian kongreson de la 30[a] de majo ĝis la 2[a] de junio en Manresa, H. E. A. decidis, por eviti samtempecon de datoj, okazigi la kunsidojn de sia XI[a] de la

3ª ĝis la 7ª de junio. Tiamaniere iuj esperantistoj povos ĉeesti ambaŭ kongresojn.

* * *

*Proponoj diskutotaj.*—S-ro Juan Régulo Pérez, el Santa Cruz de la Palma (Kanaria Insularo), prezentas proponon pri organizo de du literaturaj konkursoj.

PRI LA KALENDARO

## Kial la jaro komenciĝas je la 1ª de januaro?

Ĉe la antikvaj romanoj la unua de marto estigis novan jaron; je la sama dato ekoficis la konsuloj la plej altrangaj regantoj ĉiujare ŝanĝiĝantaj.

Fine de la jaro 154 antaŭ Kristo okazis en Hispanujo ribelo kontraŭ la Roma Respubliko kaj por eviti transdoni la komandon unue al konsuloj de la jaro 154ª kaj tuj poste al tiuj de 153ª, la Roma Senato decidis ĉesigi la oficon de la unue cititaj konsuloj du monatoj antaŭtempe kaj ke la novaj konsuloj komencu sian oficon je la 1ª de januaro. De tiam la jaro komencas je tiu dato.

Monatoj *kvintilis* kaj *sekstilis* jam ne estis la *kvina* kaj la *sesa* respektive, sed ili konservis sian nomon dum jarcento kaj duono. Poste oni nomis al kvintilis *julion* je la honoro de Julius Cezaro, kaj al sekstilis *aŭguston* je la honoro de imperiestro Aŭgusto. Sed monatoj *septembro, oktobro, novembro* kaj *decembro* kvankam ili jam ne estas la 7ª, la 8ª, la 9ª nek la 10ª, ili konservas ankoraŭ sian antikvan nomon.

La ribelo de Hispanujo finis per kapitulacio, post kiu naŭmil ribelintoj estis asasinataj. Tiu krimo naskis novan ribeladon sub la gvido de Viriato hispana kaj portugala heroo.

## EL ESPERANTISTA GAZETARO

**La Barbareco de 1935ª.**—En *Brazilo* dum unu monato estas disŝutitaj en la maron 7.750.000 sakoj da kafo.

En *Usono* dum kvaronjaro, el 6.200.000 porkoj oni faris grasigaĵojn kaj nemanĝebligis 200 milionojn da kilogramoj da maizo.

En *Los Angeles* ĉiutage oni forverŝas 200.000 litrojn da lakto, malgraŭ ke jam antaŭe oni buĉis 600.000 bovinojn por malpliigi je 15 % la buterproduktadon.

En *Nederlando* la eksporto estas tre malbona; tial oni mortigis

duonon el la gebovoj, kaj la ĵurnaloj petas ke la holandanoj manĝu margarinon.

En *Ĝirondo* (Francujo, ĉirkaŭo de Bordeaux) la arbkulturistoj bruligas centojn da miloj da vinarbedoj, sub kontrolo de la administracio por apliki freŝdatan leĝon, kiu limigas la vinarb-kulturejojn... Aliflanke, por apliki la esceptleĝon de Laval, oni buĉos 150 milojn da bovinoj, kiu estos el la plejbonaj laktodonantoj «por la sanigado de la laktomerkato».

El 20 milionoj da centkilogramoj da tritiko «troaj en Francujo», 10 milionoj estos nemanĝebligitaj—al la posedantoj oni donos monpremion—.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Laŭ la lastaj esploroj faritaj oficiale de la Helpkomitato al Mizeruloj oni taksas je pli ol du milionoj la homojn, kiuj malsatmortis dum la lasta jaro.

(Detaloj ĉerpitaj el «Sennacieca Revuo», decembro 1935.)

## PRI ESPERANTO

En Moskvo, oni ricevas, en korekta lingvo rusa, longajn leterojn el erudiciuloj, literaturistoj, ĵurnalistoj kaj studentoj japanaj. Sed ankaŭ oni ricevas multajn skribitajn en tiu artifika lingvo, kiu, de la Revolucio, ĉefe uzas la kolektantoj el poŝtmarkoj, poŝtkartoj kaj moneroj, kiu, grandparte kaŭze de la laboro farita de S-ino. Kameneva kaj ŝiaj kunlaborantoj, disvastiĝis tra la mondo, kiel facila rimedo por la rilatoj inter la proletoj apartigitaj de montaroj kaj maroj. Okazas hodiaŭ, ke la Soveta Rusio povas fiere kalkulante dek sesmil esperantistojn oficiale enrigistritajn. Oni diras, ke multenombraj ĉinoj kaj koreanoj legas la verkojn de Lenin, Tolstoi kaj Turghenieff en esperanto! Mi, verkante en esperanto, per la *North American Review*, profetis antaŭ dudek kvin jaroj, ke la lingvo kreita de Zamenhof konkeros la mondon por determinataj kaj precizaj kulturkampoj, kies uzo por la nunaj proletoj rezultas evidente konvena kaj prava. Eble multaj miros sciante, ke la studo de esperanto okupas la kvaran lokon en la sovetaj lernejoj, en kiuj oni instruas fremdajn lingvojn; la unuan, duan kaj trian lokojn, okupas respektive la angla, germana kaj franca lingvoj. En la fabrikoj estas grupoj el laboristoj, kiuj korespondadas esperante kun kamaradoj el aliaj landoj. La partio el junaj Komunistoj de Smolensk konstante interrilatiĝadas esperante kun la Komunistoj de Oriento. Multenombraj ĵurnaloj el ĉiuj provincoj publikigas esperantajn

leterojn ricevitajn de soldatoj, maristoj kaj laboristoj, el eŭropaj landoj. Unu el iniciatintoj de Odessa korespondadas kun fremdaj infanoj de Eŭropo, Ameriko, Japanujo kaj Ĉinio, kies leteroj pritraktas iliajn poemojn kaj kantojn revoluciajn. La laboristoj de la sovetaj fabrikoj sendis sian «Wall news» en esperanto al skandinavaj landoj, kies proletoj, profunde impresite de la dokumento, respondis gratulante pro la soveta sukceso kaj promesante solidarecon al sovetaj kamaradoj. La laboristoj kaj la membroj de la Ruĝa Armeo, speciale, havas grandan intereson por esperanto kaj ili paroladis esperante por defendi siajn ideojn en siaj kongresoj. Kiel instrumento por interrilatoj, esperanto progresas tiel sukcese, ke nepre oni devas konscii ĝin kiel unu el plej gravaj faktoroj de la nova ero.

Grandparte dank' al la taskoj kaj agado de la institucio estrata de S-ino. Kameneva, oni okazigis en ĉiuj partoj de la mondo ekspoziciojn diversajn; la institucio atentas ĝentile la petojn de ĉiuj fremduloj pri biografioj, informoj pri sovetaj leĝoj, bibliografiaĵoj; la institucio eldonas lernolibrojn por ke la fremduloj lernu la rusan lingvon, eldonas ĵurnalojn por ĉi tiuj, aranĝas ĉion necesan por interŝanĝo de gravaj literaturaj verkoj, kaj seninterrompe interrilatadas kun la Sudamerikaj Respublikoj, Kanado, Persujo, k. c.

Elĉerpitaĵo el la verko «Hodiaŭa kaj hieraŭa Rusioj» en hispana lingvo (*La Rusia de hoy y la de ayer*), de D-ro. E. J. Dillon, eksprofesoro de komparata Filologio en la Universitato de Kharkoff. (La verko aperis je 1928.)

## NEKROLOGO

Ni kondolencas nian vic-prezidanton, S-ro Luis Rodríguez Escartín, pro la morto de lia amata patro, S-ro Fermín Rodríguez Enrique, okazinta en Madrido la 13-an de januaro. Ke li ripozu pace!

La tutmonda esperantistaro funebras pro du malfeliĉoj: la prezidinto de Brita Esperanto Asocio (1922-1931), tiu kies agado ĉe la prezidanteco de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, originis la «Interkonsenton de Kolonjo», Sinjoro Johano Merchant, mortis la 9-an de januaro, kaj S-ro Luis E. Sepúlveda Cuadra, la konata pioniro de Esperanto en Sudameriko, mortis en Santiago de Chile la 30-an de oktobro lasta.

Pacon al iliaj spiritoj!

suko de la sukerkano, *rumo*; de ĉerizoj kaj merizoj, *kirŝo*; de *absinto* (speco de artemizio), verda, maldolĉa, *absintaĵo*. Angla grenbrando, *viskio*. Angla grenbrando aromigita per juniperaj semoj, *ĝino*.
T. de la olimpaj dioj, *nektaro*. Tre bongusta t., *nektaro*.

**Manĝi kaj trinki.** (Vidu sur paĝo 58ª, «Abdomenan fiziologion»).—Doni al vivanta estaĵo necesan substancon por subteni ĝin forta kaj daŭrigi ĝian vivon, *nutri*. Maĉi kaj gluti, *manĝi*. Plene formanĝi, *konsumi*. Deziro manĝi, *apetito*. Trinkaĵo, kiu incitas apetiton, *aperitivo*. Tiu, kies apetito estas plene kvietigita, *sata*. Kvanto de manĝaĵo donita al ĉiu persono, *porcio*. Manĝaj provizoj, nutraĵkonservoj, *provianto*. Manĝo dum la mateno, *matenmanĝo*; dum la tagmezo, la ĉefa manĝo, *tagmanĝo*; dum la vespero, *vespermanĝo*. Manĝeto tuj post la leviĝo, antaŭ la matenmanĝo, *frumatenmanĝo*. Komuna manĝo kun multaj partoprenantoj, plejofte samsocietanoj aŭ samkorporacianoj, *bankedo*. Komuna manĝeto, *lunĉo*.
Gluti fluidaĵon, *trinki*. Senti bezonon trinki, *soifi*. Per enspiro altiri iom post iom fluidaĵon en sian buŝon, *sorbi*; eltiri fluaĵon el io en sian buŝon, *suĉi*. Ŝovi la langon sur io, *leki*.
Modera manĝanta kaj trinkanta, *sobra*. Tio, kio transpasas la limojn de sobreco, *eksceso*. Konforma al la doktrino de nur vegetaĵa nutrado, *vegetara*; sistemo, *vegetarismo*. Kiu malŝatas la vinon, *abstemia*. Malmodere trinki alkoholaĵojn, *drinki*. Butiko, loko kie oni drinkas, *drinkejo*. Kiu malmodere manĝas, trinkas, sekse vivas, *diboĉa*. Diboĉa manĝo, *orgio*. Bruega orgio, *bakanalo*. Tre ŝati, plezure manĝi ion, kiel delikatan bongustaĵon, *frandi*. Bone kaj plezurige trakti iun, donante al li manĝaĵojn kaj trinkaĵojn, *regali*. Sin deteno de manĝado, aŭ de iaj manĝaĵoj, alkoholaĵoj, k. c., pro principo, *abstini*. Abstino dum kelka tempo pro pieco, *fasto*; pro malsano, *dieto*. Abstinado, *abstinenco*.

**Fumi.**—Enspiri kaj elspiri tabakan, opian aŭ aroman fumon, *fumi*. Sekigitaj folioj de la samnoma vegetaĵo uzataj por fumado, maĉado aŭ ennazigo, *tabako*. Ia speco de forta tabako, *kanastro*. Tabako envolvita en tre maldika papero por f., *cigaredo*. Longa kunvolvaĵo de tabakaj folioj, *cigaro*. Tubeto en kiu oni metas cigaron aŭ cigaredon por f., *cigaringo*. Tubo finiĝanta per forneto, en kiu oni metas tabakon por f., *pipo*. Speco de pipo kun longa tubo, uzata de la orientuloj, kaj en kiu la fumo trapasas akvon, *nargileo*. Speco de pipo uzata de amerikaj sovaĝuloj, *kalumeto*. Kunmiksaĵo el pipraj kaj tabakaj folioj, areknukso kaj kalko, kiun maĉas iaj popoloj de Azio, *betlo*. Sin detenemo de la tabako, *abstinenco*.

**Dormo.**—Resti farante nenion por refreŝigi la fortojn perditaj de laboro, *ripozi*. Ripozo de la korpo dum kiu ĉesas la konsciaj movoj kaj agado, *dormo*. Balanci infanon por ĝin dormigi, *luli*. Dum d. brue en - kaj elspiri, *ronki*. Pensoj kaj bildoj de la dormanto, *sonĝo*. Teruranta fantomo de la sonĝo, *inkubo*. Meblo por kuŝi aŭ dormi, *lito*. Lito por luli, *lulilo*. Granda sako plenigita per haregoj, lano, mara herbo, aŭ provizita per risortoj, sur kiu oni dormas, *matraco*. Matraco nur por la kapo, *kapkuseno*. Tukoj por la lito, *litotukoj*. Sur la lito oni metas unu aŭ du *litaĵojn*, kaj sur ili *litkovrilon*. Ŝnura reto aŭ tola tuko pendigata horizontale, uzata kiel lito, *hamako*. Mallonga kvadrata tablo kun tirkesto kaj kiun oni metas apud la lito, *noktotablo*. Vazo por urini, *urinujo*. Perdinta de la laboro aŭ maldormo la fortojn kaj la deziro labori, *laca*. Nevole malfermi la buŝon pro laciĝo aŭ enuo, *oscedi*. Interrompi ies dormon, *veki*. Vekiĝinta el bona d., kaj tial freŝa, gafa kaj plena de fortoj, *vigla*.

Kiu dum la d. iras kaj agas kvazaŭ konscia, *lunatiko, somnambulo*. (Vidu «XXI.—Kuracarto», paĝo 114ᵃ).

## XXI. — KURACARTO

**Ĝeneralaĵoj.** — Stato de la organismo, en kiu ĉiuj organoj normale funkcias, *sano*. Scienco pri la konservado de la sano, *higieno*. Koncernanta la publikan sanon, *sanitara*. Stato de la sano, *farto*. Scienco pri la studo de la kaŭzo de malsanoj, *etiologio*. Fari tion, kio estas necesa por resanigi malsanulon, *kuraci*. Kuracilo, *medikamento*. Substanco, kiu pro sia kvanto aŭ sia kvalito, detruas la vivon, aŭ grave danĝerigas ĝin, *veneno*. Kuracarto, *medicino*. Parto de medicino pri operacioj, *ĥirurgio, kirurgio*.

**Iloj.**—Malgranda kirurgia tranĉilo, *bisturio*. Ambaŭakra kunmetebla bisturio, *lanceto*. Malgranda tranĉilo uzata por dissekcii, *skalpelo*. Borilo por la krania osto, *trepano*. Mallarĝa maldika peco de ligno, per kiu oni ĉirkaŭas membron, kies osto rompiĝis, *tabulo*. Tabuletoj almetataj ĉe ĉiu flanko de rompita membro por fiksi ĝin en bona pozicio, *splintoj*. Longa tola rubando per kiu oni kovras, ĉirkaŭvolvas kaj senmovigas vunditan membron, *bandaĝo*. Kotono uzata por bandaĝo, *vato*. Fadenoj el malnova tolaĵo uzataj iam por bandaĝi la vundon (anstataŭitaj nune de sorbema kotono), *ĉarpio*. Longa larĝa rubando portata por subteni vunditan antaŭbrakon, *skarpo*. Kelkfoje faldita tola peco, kiun oni metas sur vundon, sur doloran membron, *kompreso*. Speco de bandaĝeto por la testiksako, *suspensoro*. Tre

maldika silka ŝtofo, teksita kiel la tolo, uzata por vundetoj, *tafto*. Tolaĵo aŭ papero ŝmirita per aglutina substanco por kunigi randojn de vundo, *diakilono*. Portilo kun du flankaj stangoj, portebla de du homoj (*brankardistoj*), por la vunditoj, *brankardo*.

Ilo por ekzameni kavojn kies eniro estas mallarĝa, *endoskopo*; por ekzameni la internon de okulo, *oftalmoskopo*. Ilo enigota en korpo aŭ vundo por koni ĝian staton, *sondilo*. Metala skatoleto, kies unu faco estas borita de rektaj mallarĝaj fendoj tra kiu oni povas elstarigi lancetojn per risorto, *skarifikatoro*. Speciala ilo uzata en malfacilaj okazoj de akuŝado, *forcepso*. Prenilo uzata por perforte eltiri dentojn, *dentforcepso*. Substanco por plenigi truon en dento, *plombo*. Malgranda vazo, kiun oni almetas al la haŭto, maldensiginte la aeron per bruligo de alkoholo, por kaŭzi lokan sangalfluon, *kupo*. Aŭskultilo por aŭskulti la bruojn de la brusta interno, *stereoskopo*. Uzado de la stereoskopo, *stereoskopio*. Aparato por kaŭterizi per inkandesko de metala fadeno, *termokaŭtero*; per elektra varmo, *galvanokaŭtero*. Ilo por enŝprucigi iajn likvaĵojn en la histoj aŭ vejnoj, *enŝprucigilo*; likvaĵon en la inteston tra la anuso, *irigatoro*.

**Personoj.**—Kuracisto, *doktoro*. Kuracisto pri okuloj, *okulisto*; pri dentoj, *dentisto*; pri piedaj kaloj, *pedikuro*. Bestkuracisto, *veterinaro*. Kirurgiisto, *kirurgo*. Kiu vendas kuracilojn, *farmaciisto*. Migranta vendisto de kuraciloj, dentisto sur publika placo, *ĉarlatano*. Pri kuracistoj, plenumi sian profesion, *praktiki*. Lernado de praktika medicino kiel internulo, *polikliniko*. Aro da kirurgoj, farmaciistoj, kuracistoj okupataj en funkciado de armeo, ŝiparo, *sanigistaro*. Vico de militistaj postenoj por malhelpi la invadon de epidemio en lando, *kordono*. Prizorgi malsanulon kaj igi lin observi la kuracadon, *flegi*. Institucio por flegi vunditojn dum milito aŭ katastrofo, *Ruĝa Kruco*.

Persono kuracata, *paciento*. Persono, kiu kutime konfidas sian sanon al ia kuracisto, *kliento*.

**Operacioj.**—Mekanika kuraca procedo farata per manoj aŭ iloj, *operacio*. O., per kiu oni fortranĉas ian parton de la korpo, *ablacio*; la parto de fortranĉita membro, kiu restas en la korpo, *stumpo*. Homo sen unu aŭ ambaŭ piedoj, *lama*; bastono de lamulo, *lambastono*. Arto anstataŭi naturan organon per artefarita peco, *protezo*. Grefto de vivanta korpo de animalo, *grefto*. O. per kiu oni riparas vundon per grefto de alia parto de la sama korpo, *aŭtoplastio*. O. sur vivaj bestoj por studi la funkciadon de la organoj kaj la proprecojn de la histoj, *vivisekcio*. Ekzameno de ĉiuj organoj de kadavro, *nekropsio*. O. per kiu oni rompas la ŝtonojn formitajn en la veziko, *litotricio*

(greke «lito»=ŝtono). O. kiu konsistas piki la karnon per pikilo, *akupunkturo*. O. sur la spiraj kanaloj (per ilo nomata *bronkotomo*), *bronkotomio*; sur la stomako, *gastrotomio*. O. por haltigi malsanon, *interago*. O. per kiu oni entranĉas arterion, *arteriotomio*.

Esplore distranĉi homan aŭ bestan korpon, *sekci*. Trabori la parion de kavaĵo (per ilo nomata *trokaro*) por forigi la likvaĵon entenatan, *punkcii*. Fortranĉi membron organon, *amputi*. Parto de kirurgio pri kuracado de kripleco, pri rektigo de membroj, *ortopedio*. Kiu havas krurojn ne rektajn, *tordokrura*. Por kuraca celo fari tranĉojn neprofundajn (ekzemple, por eltiri sangon aŭ puson), *skarifi, skarifiki*; brulvundi per fajro, per kemiaĵo, *kaŭterizi*. Segi parton de malsana osto aŭ de osta fragmento, *resekci*. Meti sur vundo iajn substancojn por ŝirmi ĝin kontraŭ eksteraj influoj, *pansi*. Plenigi dentan truon per plombo, *plombi*. Eltiri tumoron, *enuklei*. Metodo enuklei, *enukleacio*. Kudri la du bordojn de vundo, *kunkudri*.

**Ejoj.** — Malsanulejo, *hospitalo*. Hospitala sekcio por medicinaj esploroj kaj studoj, *kliniko*. Movebla armea hospitalo, *ambulanco*. Malsanulejo en kiu oni kuracas malsanulojn aŭ flegas malfortikulojn per longdaŭra severa higieno kaj per naturaj faktoroj pli ol per medikamentoj, *sanatorio*. Forkonduki malsanulojn, *evakui*. Institucio por flegi vunditojn dum milito aŭ katastrofo, *Ruĝa Kruco*.

**Vundoj.** — Superforta disigo de la histoj, *vundo*. Dispremo, disrompo kaŭzata de froto, *disfroto*. Forfluo de sango, *hemoragio*. Haltigo de la florfluo, *hemostazo*. V. kaŭzata de frapo en histo aŭ organo, *traŭmo*. Osta fragmento, kiu disiĝis el rompita osto, *splitaĵo*. Brulvundi per bolanta akvo, *brogi*. Patologia difekto de organo, *lezo*. Lezi la histojn ne vundante la haŭton, *kontuzi*. Surkorpa kontuza makulo subplena per sango, *ekimozo*. Postesigno sur korpo resaniĝinta de vundo, *cikatro*.

**Mikroboj.**—(Vidu «algojn», paĝo 34ª, linioj 5 al 7). Bakterio kaŭzanta malsanon, *mikrobo*. Fako de medicino pri bakterioj, *bakteriologio*; pri m-j., *mikrobiologio*. Malsanigaj haladzoj eliĝantaj el nevideblaj putriĝantaj eroj de organika substanco, *miasmo*. Libera de m-j., *asepsa*. Kontraŭputra, kontraŭmikroba, *antisepsa*. Arĝento en koloida stato, uzata kiel antisepsaĵo, *arĝirolo*. Venena substanco sekreciita de iaj m-j., *toksino*. Transdoni la ĝermon de malsano, *infekti*. Substanco produktita de m-j., kaj kiu transdonas la malsanon de individuo al aila, *viruso*. Enkonduki en la organismo ĝermon de infekta malsano per tranĉo aŭ piko por imunigi, *inokuli*. Substanco formata en organismo per influo de malsanigaj agantoj, kaj aganta kontraŭ ili,

*ergino*. Mortigi mikrobojn en loĝejo, vestoj, k. c.; senigi ilin je mikroboj, *malinfekti, desinfekti*. Estaĵetoj vivantaj en la organismo kaj kiu kontraŭstaras la eniron de m-j., *fagocitoj*.

**Simptomoj.**—Fenomeno montranta malsanon, lezon, *simptomo*. Ekkoni la malsanon laŭ la simptomoj, *diagnozi*. Parto de la medicino pri la metodo diagnozi, *diagnostiko*. Antaŭdiro de la kuracisto pri la daŭro kaj rezultato de la malsano, *prognozo*. Limfo preparata por diagnozi la tuberklozon, *tuberklino*. Scienco pri kaŭzo kaj simptomo de malsano, *patologio*. Parto de la patologio pri la maniero kiel la malsanoj elvolviĝas, *patogenio*.

Hereda influo de la prapatroj sur la prafiloj, *atavismo*.

Tre malagrabla korpa impreso, *doloro*. Senvoleco, *abulio*; senforteco, *adinamio*; malvigleco de la organoj, *atonio*; malebleco skribi, *agrafio* (greke *a* signifas «sen»). Eksterreguleco, *abnormeco*. Treega malfortiĝo korpa aŭ spirita, *postracio*. Kvieteco de la animo, *ataraksio*. Malforteco de la sango, *anemio*; de la organaj agoj, *astenio*. Malebleco stari, *astazio*. Bari la normalan pason de substancoj en la korpaj kanaloj, *obstrukci*. Ĝenerala stato malbona pro iaj nekuraceblaj malsanoj, *kakekto*. Nenormala alta temperaturo de la korpo, kaŭzata de malsano, *febro*. Senkonscie paroli sub la influo de la febro, *deliri*. Perdi la konscio kaj la kapablon movi siajn membrojn, *sveni*. Subita sveno, *sinkopo*. Sento de manko de la egalpezo en la spaco kiam al ni ŝajnas ke ĉiuj objektoj turniĝas ĉirkaŭ ni, *kapturniĝo*.

Aŭtomata longedaŭra streĉo de muskoloj, *spasmo*. Subita kaj dolora spasmo, *krampfo, kramfo*. Subita kaj kontraŭvola streĉo de muskoloj aŭ membroj kun vivegaj kaj neregulaj movoj kaj kun perdo de la konscio, *konvulsio*. Interna doloro kaŭzita de tro forta streĉado de muskolo, *streĉvundo*. Speciala moviĝemo de malsanulo, *agitacio*. Plena perdo de memvolaj movoj de unu aŭ multaj membroj de la korpo, *paralizo*. Paralizo de duono de la korpo, *hemiplegio*.

Fariĝi malsana pro malvarmo, *malvarmumi*. Malvarma kiel kadavro, *algida*.

Subita forta atako de malsano, *paroksismo*. Nelongedaŭra malsano akompanata de fortaj simptomoj, *akuta*. Subita ŝanĝo en bonon aŭ malbonon dum malsano, *krizo*. Longedaŭra malsano, *kronika*. Malsano, kiu periode ĉesas kaj poste reaperas, *intermita*. Ĉiu fazo de intermita malsano, *stado*. Forta doloro intermita, *lanceno*. Malordo de funkcio en organo, *perturbo*. Propagi malsanon, *kontaĝii*. Infekta malsano samtempe atakanta multajn personojn en unu loko, *epidemio*. Scienco pri la epidemioj, *epidemiologio*. Malsano konstante reganta en la lando, *endemio*. Pli malpli longa restado, kiun oni devas fari

en izolita loko la personoj aŭ bestoj venantaj de infekta lando, *kvaranteno*.

**Inflamoj kaj ŝveloj.**—Malsano karakterizata de ŝvelo, ruĝeco, doloro kaj altigo de temperaturo, *inflamo*. Por la nomo de multaj i-j. oni uzas la sufikson *it*; ekzemple: *encefalito, meningito, retinito, konjunktivito, araknoidito, laringito, bronkito, apendicito, pankreacito, peritoneito, duodenito, periostito, arteriito, aortito, endokardito, gingivito, uretrito, ureterito* kaj *prostatito*, estas respektive la i. de encefalo, meningoj, retino, k. t. p. Aliaj i-j. havas specialajn nomojn, ekzemple: i. de la palpebra rando, *blefarito*; de la haŭto, *dermito*; de la pleŭro, *pleŭrezio* (aŭ *pleŭrito*); de la maldika intesto, *enterito*; de la limfaj ganglioj, *bubono*; de la glandoj, *adenito*; de la limfaj angioj, *limfangito*; de la renoj, *nefrito*; de artiko, *artrito*; de la venaj parioj, *variko*; de la mjelo (kronika), *ataksio*; de la ĉela histo de fingro, *panariso*; de la supraĵaj antaŭaj partoj de la okulo, *oftalmito* (*oftalmio*, laŭ Verax); de la naza mukozo, *korizo*; de muka membrano produktanta mukan fluon, *kataro*; de la gorĝo, *angino*. Kataro de la uretro, aŭ de unu el la najbaraj organoj, kun pusa sekrecio, *gonoreo*. Speco de akuta infekta enterito, *dotienerinto*. Epidermaj lamenetoj, kiuj defalas de la haŭto post iaj i-j., *skvamoj*. Fali la skvamojn, *elskvamiĝi*.

Densa flava fluidaĵo produktiĝanta en organismo foje dum i-j. kaj konsistanta ĉefe el blankaj globetoj de la sango, *puso*. Amaso de puso en histoj, *absceso*. Kiam puso eliras el vundo aŭ absceso, tiu-ĉi, *pusellasas*. Pusellasiga bakterio, *stafilokoko*. Kanalo kondukanta kaj produktanta puson, *fistulo*. Pusa amasiĝo en la pleŭro, *empiemo*. Abscesego; etendita pusa i., *flegmono*.

Inflama veziketo sur haŭto aŭ mukmembrano, *flikteno*. I. de la haŭto aŭ de muka organo kun loka perdo de substanco, *ulcero*. Postesigno de ulcero, *cikatro*. Ŝima ulcero en la buŝo de suĉinfano, *afto*.

Malsano kaŭzita de la dilato de histo aŭ organo pro gasa dispremo, *emfizemo*. Pro gasa disstreĉiĝo de la abdomeno, *timpanito*. Eliĝo de fluidaj partoj de la sango el la vazoj en la histojn aŭ kavojn de la korpo, sen i., *hidropso*. Hidropso de la peritonea receso, *ascito, askito*. Malsano kaŭzata de amasiĝo likvaĵa en la nervaj centroj, *hidrocefalo* (*hidrocefalio*, laŭ Verax). Ŝvelo kaŭzita de enfiltriĝo de serozaĵo, *edemo*.

Patologiaj histoj kreskantaj en la organismo, *tumoro*. La malofte kuracebla tumoro, *kancero*. Medicina nomo de la kancero, *karkinomo, karcinomo*. Tumoro fibreca formiĝanta sub la haŭto, *fibromo*. Malgranda dolora tumoro de la haŭto kaŭzita de i. de la subhaŭta histo,

*furunko*. Tumoreto, kiu ŝvelas en la haŭto kaj pusellasas, *pustulo*. Tumoro konsistanta el membraneca veziko, kie povas amasigi iaj substancoj, *kisto*. Tumoro de la tiroida (surlaringa) glando, *kropo* aŭ *kropfo*.

Ŝvelinta parto de ia organo (kiel dento, okulo, spino, k. c.), *bulbo*. Nenormala grandiĝo, evolucio de histo aŭ organo, *hipertrofio*. Patologia malgrasiĝo, malgrandiĝo de organo, de muskolo, *atrofiô*. Ekstrema malgrasiĝo de la korpo, pendo de forto kaŭze de malsano aŭ maljuneco, *marasmo*.

MALSANOJ. — **Infektaj.** — Karakterizata: de abscesoj de la haŭto, *karbunklo*; de febro kaj inflamo de la haŭto, precipe de la vizaĝo, *erizipelo*; de febro kaj pustuloj ĉe la haŭto lasante post sia malapero malgrandajn cikatrojn, *variolo*; de febro kaj makuloj ruĝaj de la haŭto, precipe de la vizaĝo; ĝi atakas precipe al infanoj, *morbilo*; de intermita febro kaj febrotremo, *malario*; de konvulsia tuso (ankaŭ infana malsano), *kokluŝo*; de fortegaj konvulsioj, plej ofte mortiga, *tetano*; de febro, makuloj de la haŭto kaj de la muka membrano, *skarlatino*; de formiĝo de falsaj membranoj en la laringo kaj simptomo de sufoko, *krupo, difterito*; de doloroj en ĉiuj membroj, nazkataro, tuso, *gripo*. Speco de gripo, *influenzo*. Tre i. febra epidemio karakterizata de inflamo de la ingvenoj kaj glandoj, *pesto*. I. malsano karakterizata de progresantaj ulceroj de la haŭto aŭ de nesentemo kaj gangreno de la membranoj (kaŭzata de la bacilo de Hansen), *lepro*; de oftegaj bezonoj de elfekado, kaŭzataj de inflamo de la kojlono, *disenterio*; de febro, ĝi estas intesta, *tifo*. Ia speco de tifo, *ekzantema tifo*. Malsano simila je tifo, *tifa* (aŭ *tifoida*) *febro*. Ia malsano de intertropikaj landoj, *flava febro*.

Aliaj i-j. malsanoj estas: *ĥolero* (vidu p. 112ᵃ, l. 6), *dotienerinto* (vidu p. 110ᵃ, l. 19ᵃ), multaj el tiuj de la seksaj organoj (vidu p. 112ᵃ), k. t. p.

**De la digesta aparato** aŭ **pro nutrado.**—Putra difektiĝo de la ostaj dentoj, *kario*. Elĵeti tra la buŝo enhavon de la stomako, *vomi*. Eligi tra la buŝo stomakajn gasojn kun plaŭda bruo, *rukti*. Malagrabla sento de la vomado, *naŭzo*. Antimona aŭ kalia tartrato, kies solvaĵo estas vomiga, *emetiko*. Malfacileco de glutado, *disfagio*. Bruliganta doloro tra la ezofago, ĉe malsanoj de stomako, *pirozo*. Spasma doloro de la intestoj, *koliko*. Intesta bruo, *borborigmo*. Malfacila kaj doloriga digesto, *dispepsio*; malrapida kaj neperfekta, *bradipepsio*. Ĉe novnaskito, malsano kaŭzata de malordo de la nutrado, *atrepsio*. Malmoliĝo de la fekaĵoj en la intestoj, *mallakso*. Kaŭzi mal-

lakson, *konstipi*. Ofta eligado de nenormale fluidaj fekaĵoj, *lakso*. Hiposekrecio de la intesta mukozo, kiu produktas likvan elfekadon, *diareo*. Malsano karakterizata de la diareo, *ĥolerino*. Epidemia malsano, preskaŭ ĉiam mortiga, karakterizata de vomado, gravaj intestaj malordoj, intensa malvarmiĝo kaj spasma kuntiriĝo de la membroj, *ĥolero*. Enigi venenon en la korpo, *enveneni*. Venenigo pro trouzo de alkoholaj trinkaĵoj, *alkoholismo*. Alkoholismo kaŭzita de absintaĵo, *absintismo*. Malsano kaŭzita de la trouzado de alkoholaĵoj kaj spicitaj manĝaĵoj, *podagro*. Vermoj parazitaj en la homa korpo (vidu paĝon 65-an, liniojn de 15ª ĝis 23ª).

Gala malsano karakterizata de flava koloro de la haŭto kaj de la okula konjunktivo, *iktero*. Sengaleco, *akolio*.

Treega malforteco kaŭzata de manko de nutraĵo, *inanicio*. Malsano, ofta en varmegaj landoj, kaŭzata per manĝado de senvitaminaj manĝaĵoj, ekzemple, de polurita rizo, *beribero*.

Eliĝo de la intesto sub la haŭto aŭ membrano ĝin kovranta, *hernio*. Ŝvelo de la vejnoj de la rekta intesto, *hemoroido*.

**De la seksaj organoj.**—Kontaĝia malsano devenanta de seksaj rilatoj, *venera*. Mikroba mukopusa inflama elfluo de l' uretro, *blenoragio*. Kronika blenoragio, *blenoreo*. Mikrobo kaŭzanta la blenoreon, *gonokoko*. Seksa infekta malsano heredebla, *sifiliso*. Infekta ulcero de la seksaj organoj, *ŝankro*.

Scienco pri la malsanoj de la seksaj organoj de virino, *ginekologio*; sciencisto, *ginekologo*. Malfacila aŭ dolora menstruado, *dismenoreo*. Malsano ofta dum la lasta tempo de gravediĝo aŭ tuj poste, kaj karakterizata per konvulsioj, per epilepsiaj spasmoj kaj per albuminurio, *eklampsio*. Memvola limigo de naskoj, laŭ sistemo de Malthus, *maltusianismo*. Kaŭĉuka protektilo de la viro kontraŭ seksaj malsanoj, *kondono*. Scienco pri la plej bonaj kondiĉoj al la reproduktado de la homo, *eŭgeniko*.

**De la organaro pri la spirado kaj cirkulado de la sango.**—Scienco, kiu studas la aeron de la medicina vidpunkto, *aerologio*. Rapida kaj brua elspiro kaŭzita de la ekscito de la muka membrano de la spira tubo, *tuso*; kaŭzita de la ekscito de la flarnervoj, *terno*. Eligo de speciala bruo kaŭzita de spasma kuntiriĝo de la diafragmo kaj subita trapaso de aero tra la laringo, *singulto*. Malfacila spiro, *dispneo*. Intermita dispneo kun neregulaj periodoj, *astmo*. Brua malfacila spiro de mortanto, *stertoro*. Kiu estas sen voĉo pro malsano, *afonia*. Difekto de la voĉo kaj de la parolo, *disfonio*. Perdo de la povo esprimi parole, *afazio*. Elĵeti salivon aŭ pulman

## XVII[a] «INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ»

Dum la XVIII[a] Kongreso de K. E. F. en Manresa okazos la Internaciaj Floraj Ludoj.

La ordinaraj temoj estas kvar: du kun originalaj tekstoj (versaĵo kantanta *amon*, kaj prozaĵo *ama verkaĵo*) kaj du tradukitaj el difinitaj katalunaj tekstoj. Premio por ĉiu temo: ekzempleron de *Kataluna Antologio*. El la kvar premiitoj, al aŭtoro de plejbona teksto oni aljuĝos la *Naturan Floron*.

La eksterordinaraj temoj estos tri, ĉiuj laŭvolaj. Premioj: de la Komitato de K. E. F., 50 pesetoj; de la Prezidanto de K. E. F., 50 pesetoj, kaj de *Kataluna Esperantisto*, dumviva abono.

La manuskriptojn oni sendu sub koverto kun devizo, kaj aparte fermitan koverton kun la sama devizo kaj enhavante la nomon kaj adreson de la konkursanto. Oni devas sendi la manuskriptojn al K. E. F., strato Valencia, 245, Barcelona, antaŭ ol la 15[a] de aprilo de 1936[a]. La formato de la folioj ne pli granda ol 30 × 20 cmj., nek malpli granda ol 20 × 15 cmj.

Pluajn detalojn sur *Kataluna Esperantisto* kaj sur *Esperanto* (januaro 1936[a]).

---

## —o— VARIAĴOJ —o—

### FIDELECO

«*En la mondon venis nova sento*» por detrui la barojn inter la popoloj; ĝi estas ESPERANTO, kiun kreis la Majstro por ligi la korojn de la homoj. Fidelaj al la *Interna Ideo* estas ĉiuj membroj de Hispana Esperanto-Asocio; neniu el ĉi tiu Asocio iam rifuzis la *Internan Ideon*; ĉiuj ĉi tiun sentas profunde, tutkore, kaj estas lojalaj sekvuloj de la Majstro; neniu konscias, ke ESPERANTO estas kaŭzo por ankoraŭ dispartigi pli la homojn; neniam heaano agis kontraŭ la zamenhofa principo; ĉiam heaano konsciis, ke ESPERANTO estas nenies kaj ĉies.

Libereco estu al ĉiuj por agi propravole, praktikante respekton al kontraŭuloj; tial samideanoj el la tuta lando ariĝis kaj fondis H. E. A.n, farante nur pure neŭtralan laboron esperantan, por akceli la triumfon de ESPERANTO. La tuta laboro farita de H. E. A. nur celis tion, kaj ĉiuj faktoj tiel elpruvas. Ni ne konscias, kiel kaj kial povas samideano diri, ke kia ajn esperanta laboro de H. E. A. iras kontraŭ aliaj samideanoj. Nur blinda pasio povas tion diri.

### NIA KONGRESO

Pli ol cent kvardek samideanoj el H. E. A. loĝas en Barcelono;

ĉu, do, H. E. A. rajtas kaj povas okazigi Kongreson en tiu urbo? H. E. A. estas tutlanda Asocio. Katalunujo estas same al ĉi tiu afero, kiel Andaluzio, Kastiljio, Aragono, k. c., ne estas prava tiu, kiu argumentu kontraŭ la rajto de H. E. A.; tial, ni iros al Barcelono same, kiel ni iris al Seviljo, Oviedo, Santander, k. c.; heaanoj de la tuta hispana teritorio iros al Barcelono por fari sian propran esperanto-laboron, kiu neniel estos kontraŭ la esperanta laboro de la katalunoj, kaj nia Regularo (kiel jam diversfoje estas dirite) eĉ celas la organizon de kiel eble plej potencaj regionaj organizoj, hodiaŭ pli ol antaŭe, ĉar, feliĉe, la Konstitucio de nia Respubliko rajtigas la diversajn regionojn (naciojn-ĉu vi volas) por starigi iliajn aŭtonomiojn. Ni supozu, ke Baskonio, Galicio, k. c., jam estas aŭtonome funkciantaj; ke ESPERANTO havas ĉe ili siajn organizojn aŭtonomajn, por kiuj, H. E. A., plenumante la III-an regulon de siaj statutoj, ne povas kontraŭagi, sed male, ĉu H. E. A. ne povos kunvenigi sian tutlandan samideanaron en iu ajn urbo de tiuj teritorioj?

Loke, la samideanoj havas diversajn grupojn, ĉu esperanta laboro de unu el la grupoj baras laboron de la aliaj? Ju pli grupo sukcesu, des pli bone por ESPERANTO.

Tutmonde, la samideanoj ariĝas en U. E. A., ĉi tiu agas laboron, organizas tutmondan Kongreson ĉe kiu ajn nacio, ĉu U. E. A., per sia laboro, malhelpas esperantan laboron de la nacia Asocio en kiu tiu okazigas sian universalan Kongreson? Ĉu la nacia Asocio estus prava kontraŭstarante la universalan Kongreson?

Dum aŭgusto de 1934ª okazis en Valencio kongreso esperantista de S. A. T., kiu nek malutilis la propagandon de Esperanto, nek estis malhelpata de H. E. A. Kontraŭe ni sendis librojn por neŭtrala propagando de nia lingvo.

## PRI KONGRESINSIGNO

De kiam H. E. A. okazigis sian Kongreson en Santander, oni opiniis daŭrigi por la venontaj kongresoj fari la kongresinsignojn simile, kiel tiu de Santander.

Kongresmedalo devas plenumi kelkajn kondiĉojn:

I-an. Esti bela kaj arta;

II-an. Elvidigi kiel eble plej tipan specialaĵon karakterizantan la lokon;

III-an. Elpruvi se eble genion, kulturon, arton propran kaj ankaŭ des pli unikan se eble, de la gento;

IV-an. Ke la tipa specialaĵo karakterizanta la lokon posedu graciajn ĉeflinioјn por trafi la reliefon laŭ postulas la Iª.

El multenombraj rimarkindaj monumentoj de Barcelono, multaj

estas akceptindaj, sed neniu plenumas la kondiĉojn tute absolute, kiel la pordego de la preĝejo «Sankta Familio», genia revo materiigita de kataluna geniulo, specimeno unika en la mondo, kiu elpruvas mirinde la kreopovon de la kataluna gento.

Por la elekto, oni atentis nenion alian pli, ol tion, kion determinas la kvar kondiĉoj, ĉar ankaŭ la absoluta neŭtraleco de nia laboro pri politika, socia kaj religia vidpunktoj, devigas nepre nin deflankiĝi ĉiajn aliajn signifojn de la elektita monumento.

JULIO MANGADA ROSENÖRN

## EKSTERLANDA KRONIKO

*Japanujo.*—Lernado de Esperanto estas deviga por la lernantoj de la 7ª kaj 8ª kursoj en la universitato de Cirju.

* * *

*Radio kaj Esperanto.*—La Ministraro de Brazilo publikigas esperante Oficialan Bultenon kun muzikaĵoj kaj kantoj en la nomita lingvo, ĉiumarde je la 20'15 (la 23'15 laŭ la okcidenteŭropa tempo). Ondo 34,35.

* * *

*La gazetaro.*—Sveda Internacia Gazetservo (adreso: D-ro B. Brilioth, Regeringsgatan, 16, Stockholm), dissendas ĉiusemajne tre interesajn novaĵojn en esperanto por ke ilia traduko estu publikigataj sur la nacilingvaj ĵurnaloj.

Samideanoj, kiuj volus utiligi tiun proceden por propagandi nian lingvon kaj samtempe kunlabori en la samurba gazetaro, povas peti originalon al nia Redakcio. Oni petas sendon de eltranĉaĵoj de la koncerna publikigo por ĝia resendo al Internacia Gazetservo.

* * *

*Belgujo.*—Antaŭ kelkaj semajnoj venis Bruselon S-ro F. W. Buenting, nederlanda-hinduja Cseh-instruisto, kun intenco tie vigligi la esperantistan movadon. En la diversaj E-kluboj de la urbo li prelegis pri la esperantista movado en Nederlanda Hindujo kaj pritraktis la gramatikajn kaj lingvajn malfacilaĵojn de esperanto.

Bedaŭrinde, pro tio ke ne ekzistis kunlaborado inter la diversaj grupoj, S-ro Buenting estis malhelpata en sia propaganda laboro. Kun laŭdinda kuraĝo S-ro Buenting organizis kunvenojn por la tuta brusela esperantistaro kaj sukcesis decidigi la klubestrarojn al starigo de komisiono kun duobla celo: ĝenerala propagando kaj disvastigo de esperanto en Bruselo, kaj interrelatigo de la bruselaj E-grupoj, speciale koncerne komunajn servojn sur E-kampo.

Tiel fondiĝis «ESPERANTISTA REPREZENTANTARO BRUSELA». En tiu komisiono estas reprezentataj la grupoj kies nomoj sekvas laŭ alfabeta ordo: CENERO, laborista grupo; ESPERANTISTA BRUSELO GRUPO, neŭtrala grupo; KATOLIKA ESPERANTISTA GRUPO; NIA ESTAS LA ESTONTECO, flandra grupo; NOVA VOJO, tramvojista grupo. Pro principaj kialoj sin detenis du grupoj.

La Komisiono jam sin okupas pri la propagando en la gazetaro, la propagando en junularaj medioj, kaj la organizado de ĝeneralaj kunvenoj por prelegoj kaj E-festoj.

Kiel sekretario de la Komisiono funkcias S-ro F. Swinne, Nieuwenhovestrato 77, Uklo (Bruselo).

---

## —o— BIBLIOGRAFIO —o—

LIBROJ.—*Gramática, Ejercicios y Diccionario del idioma internacional auxiliar Esperanto*, de Jozefo Anglada. La tria eldono estas rimarkinde pligrandigita; ĝia nombro da paĝoj pli ol duobliĝis; kvankam ĝi konservis sian oportunan, enpoŝigeblan formaton, ĝi enhavas sur siaj 133 paĝoj la jenon:

Prezento kaj klariga noto.—Portreto de D-ro L. L. Zamenhof kaj Biografia skizo.—Portreto de J. Anglada.—El Problema de un Idioma Internacional Auxiliar (argumentoj pri ĝiaj ecoj kaj solvo per Esperanto) kun Esperanta traduko.—Breve Historia del Esperanto, sus ventajas y progresos.—Advertencia (averto pri aliaj projektoj de lingvo internacia kaj teoria kaj praktika pliboneco de Esperanto).—Alfabeto (kun elparolado).—Gramatiko (la 16 Fundamentaj reguloj, kun ekzemploj).—Prefiksoj kaj sufiksoj.—Moŝtoj (traktado de ĝentileco).—Simplaj vortoj (korelativoj).—Listoj de Adverboj, Prepozicioj, Konjunkcioj kaj Interjekcioj.— Metoda Ekzercaro.— Ilustrita per bildoj ekzercaro kun diversaj instruaj legaĵoj.—VORTARO: 1-a parto, Esperanto-Hispana (ĉirkaŭ 4.700 radikoj, kun montro de la Fundamentaj, oficialaj kaj neoficialaj); 2-a parto, Hispana-Esperanto, mallongigita laŭ nova praktikinstrua metodo (ĉirkaŭ 2.500 vortoj—la malsimilaj en ambaŭ lingvoj—). Praktikaj ekzercoj (frazoj, demandaro, dialogo, komerca letero, poŝtkarto de interŝanĝo).—Muziknoto de la Himno LA ESPERO.—La Biblioteko, La Slipo kaj La Cent Unuaj Dividoj de la Dekuma Klasado (instruaj lega pri la literoj malfacilaj por hispanoj), k. t. p.

La prezoj kaj kondiĉoj estas la sekvantaj: 1 ekzemplero, 3 pesetoj (tio estas, 1,20 Spesmiloj). 5 ekzempleroj, 12,50 pesetoj (t. e., 5

Spesmiloj). La prezoj entenas la afrankon por Hispanujo, Portugalujo, Ameriko kaj Filipina Insularo.

Nur estos akceptataj mendoj kun antaŭpago aŭ je pago kontraŭ livero per la poŝto. En ĉi tiu lasta okazo, la kostojn de la rekomendo kaj afranko devos pagi la mendanto.

---

## —o—o— IO EL ĈIO —o—o—

### *LA PROBLEMO DE LA HOTELISTO*

Dek unu samideanoj alvenis nokte al hotelo de vilaĝo. La hotelisto havis du pasteĉojn, unu el fruktoj, la alia el viando, ĉiu por kvar personoj, sekve nur ok povis manĝi ilin. Sed el la dek unu samideanoj, kvin nur volis pasteĉon el fruktoj; kvar, el viando, kaj du ne havis preferon; por ili estis indiferentaj ambaŭ pasteĉoj. La hotelisto preparis apartan manĝaĵon por tri personoj kaj facile kontentigis ĉiujn, ĉar la problemo havas 145 solvojn.

* * *

### *STRANGAJ DUONOJ*

—Du duon12345oj ne estas unu 12345o.

—Certe, nek du duon615oj estas unu 615o.

—Prave, nek du duon71oj estas unu 71o.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

### *SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO*

*Aĉeto de verko.*—Entute, 1296 pesetojn. Dum la unua monato, 36. Pruvo: $36^2+37^2+38^2+39^2+40^2 = 41^2+42^2+43^2+44^2 =$ $= 7230$. La ŝuldo daŭras 36 monatojn kaj ni devas pagi

$$36+37+38+ \ldots +71 = 1296 \text{ pesetojn.}$$

Por solvi tiuspecajn problemojn la formulo estas: $n=2k^2+k$. En la jena problemo $k=4$ ĉar la «sekvantaj monatoj» estas kvar. Do $n=36$.

La lasta kondiĉo de la problemo, algebre esprimata, estas tiel

$$X^2+(x+1)^2+(x+2)^2+(x+3)^2+(x+4)^2 =$$
$$= (x+5)^2+(x+6)^2+(x+7)^2+(x+8)^2$$

Tamen, ĝi ne estis sufiĉe klare esprimata sur nia lasta numero. Tial iaj samideanoj interpretis ĝin tiamaniere:

$$(x+x+1+x+2+x+3+x+4)^2 =$$
$$= (x+5+x+6+x+7+x+8)^2.$$

Se la problemo estus tiel, la solvo estus $X = 16$ monatoj; kaj la

pesetoj pagotaj entute 376. S-ino Amalia Núñez Dubús, el Pamplona, sendis tiun-ĉi solvon, kiu ankaŭ estas ekzakta.

*Infanaj divenaĵoj.*—1. La muelisto, kiu, ne havante akvon por mueli, ne havas monon por aĉeti vinon.—2. La skribado.

* * *

## DEZIRAS KORESPONDI...

*D-ro Vilhelmo Tomaso Udvarhelyi* (Magyarádi ut 36, Budapest, XI, Hungarujo), 37-jara traŭlo. Kun hispanoj per ilustritaj poŝtkartoj. Li estas ĵurnalisto, ekonomiisto kaj advokatpraktikanto.

*A. Taborda Duarte* (rua Andrade, 5, 3.°, Lisboa), 21-jara studento veterinara. Kun hispanoj (prefere kun fraŭlinoj) pri teozofio.

* * *

## POŜTA ANGULO

En Brazilo okaze de la oka internacia specimena foiro, oni eldonis poŝtmarkon de 200 *reis*, kun esperanta kaj portugala teksto.

En Hispanujo okaze de la ekspozicio filatela nacia aperos du novaj markoj 10- kaj 15-centimoj pri la ekspedicio de kapitano Iglesias.

Poŝtistoj, telegrafistoj, telefonistoj!

La *Interligilo de l' P. T. T.*, *via organo* (324, rue Lecourbe, Paris, 15e) eldonas la tutmondan profesian adresaron vian

Statutoj de Ilepto — nia historio — niaj gvidantoj — niaj realigoj — niaj esperantistaj gekolegoj laŭ urbe — Esperantista gazetaro — fakaj asocioj kaj fakoj organoj — La filatelia mondo — la teknikaj revuoj.

Unika dokumento! Tuj informu — Senpage por ĉiu membro — senpaga specimeno de la organo laŭ peto.

* * *

*FELIĈAN NOVJARON!*—Ni dankas al sinjoroj G. v Steensel (gvidisto, 27 strato Pansier Scheveningen, Nederlando), kaj F. Gorgues Torredeflot (Laforja, 12, torre, Barcelona) pro siaj belaj esperantaj kartoj kun bondeziroj por la nova jaro.

---

*Terurigata S-ino.*—Marnjo! Marnjo! Mi ĵus rompis la manspeguleton. Kian malfeliĉon mi suferos?

*La servistino.*—Trankviliĝu, ne atentu pri tiaj artifikoj, S-ino. Mi ankaŭ ĵus rompis tiun grandan de la salono kaj... tiel trankvila, kiel antaŭe...

# KATALUNA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

## EL PROGRESO DE LOS TRANSPORTES EN LA U. R. S. S.

(*Continuación.*)

explotar enormes macizos forestales en Siberia oriental, y facilita el acceso a las minas de oro del norte; la línea Roubtzovka-Ridder (240 kilómetros), que permitirá la explotación de los yacimientos de metales no ferruginosos de las montañas de Altaï meridional y organizar la explotación del gran caudal de hulla blanca del Irtich y sus afluentes; la línea Karaganda-Balklhach (507 kilómetros), para la explotación de los yacimientos de cobre de Koounrad, donde hay unas gigantescas e inmensas fundiciones en construcción; la línea Akmolinsk-Kartala (827 kilómetros), que unirá directamente Magnitogorsk y la cuenca hullera de Karaganda, permitiendo así a Magnitogorsk renunciar al consumo de carbón de la cuenca de Kouznetsk, que resultaba alejadísima.

Numerosas líneas han sido ya construídas, y otras muchas están en construcción, para asegurar el desarrollo de las cuencas hulleras de la Siberia y del extremo Oriente Soviético: líneas de Soutchan-Boureya-Raïtchika (117 kilómetros); Kémérovo-Anjerka; Kousnetsk-Tachtagol; Topki-Elicsino; Léninsk-Novossibirsk, que ya está en explotación, triplicando el rendimiento que se le había asignado como posible; y una línea de 320 kilómetros que ligará la cuenca hullera de Yokrouga al cabo Yugor (Yurgorsky-Char), en la ribera del Océano Glacial. Los caminos de hierro del Ural contarán con otra línea, la cuarta que atravesará la cordillera entre Oufa y Magnitogorsk (366 kilómetros); al sur, la línea Ouralsk-Iletzk asegura la comunicación directa entre las regiones del Volga, el Oural del sur y el Asia central, donde serán construídos 635 kilómetros de nuevas líneas; la línea Ufa-Ickimbaevo en Bachkire (150 kilómetros) ha permitido la explotación de nuevos y ricos yacimientos petrolíferos.

La construcción de nuevas líneas en la parte occidental tiene por objeto aumentar las comunicaciones ferroviarias existentes entre el norte y el sur de la parte europea, y más particularmente entre los grandes centros industriales del norte, las cuencas de Donetz y el Cáucaso.

La línea Moscou-cuenca de Donetz (1.100 kilómetros) será una formidable línea moderna; gran parte de ella ya está hoy en uso.

Al oeste, el ramal de línea Briansk-Smolensk-Soblago (480 kilómetros) ligará con las líneas ya existentes, Leningrado y la cuenca del Donetz, sin pasar por Moscou.

Para mejorar las comunicaciones entre el centro de la parte europea y la Transcaucasia, está en construcción una gran línea a lo largo de la costa oriental del mar Negro (287 kilómetros). Durante el segundo plan serán empezados los trabajos de construcción de una línea que, atravesando la cadena del Cáucaso, ligará directamente Ordjonikidzé y Tiflis sin tener que dar la vuelta por Makhatch-Kala y Baku.

La construcción de nuevas líneas no es, empero, suficiente para asegurar por sí misma el desarrollo del tráfico; otros no menos importantes trabajos están en curso para aumentar la capacidad de las líneas. El plan quinquenal incluye el doblar 9.500 kilómetros de vías únicas.

Entre los más importantes trabajos citaremos las líneas de Karymskaya-Vladivostok (2.368 kilómetros); Viatka-Sverdlovsk (850 kilómetros), y el doblar las líneas que unen el oeste de la URSS. a la región del Volga central (1.178 kilómetros).

Son igualmente dignos de constatar los grandes trabajos de modernización de los ferrocarriles, que son uno de los elementos esenciales del plan. Estos trabajos de modernización tienden esencialmente a aumentar la velocidad de los trenes y el tráfico. Entre ellos está el de la electrificación de 5.000 kilómetros de líneas, repartidos en la siguiente forma: 1.359 kilómetros en las regiones montañesas del Ural, 705 kilómetros en Transcaucasia, 2.079 kilómetros en los ramales de gran tráfico de la cuenca de Donetz, 672 kilómetros alrededor de las grandes ciudades: Moscou, Leningrado, Kharkov y Bacou. Finalmente, el ferrocarril de Mourmansk será electrificado en una longitud de 467 kilómetros. Por otra parte, 3.842 kilómetros de vías férreas serán equipados con el bloc-sistema automático.

Para poder permitir el paso de las potencias locomotoras puestas actualmente en servicio por los ferrocarriles soviéticos, se están llevando a cabo grandes trabajos para modificar la naturaleza del blasto, sustituyendo la arena y grava fina por piedras ensambladas.

20.000 kilómetros de raíles, actualmente ligeros, serán reemplazados por raíles pesados. El número de traviesas será también considerablemente aumentado. Señalemos igualmente que la longitud de los puentes construídos en el curso del segundo plan es de 25 kilómetros. Algunos de estos puentes son obras dignas de tener en consideración: el puente de Saratov sobre el Volga, que tiene 1.600 metros, y el de Dniepropétrovsk sobre el Dniepr, que tiene 1.260 metros, ambos completamente terminados; hay, además, en construcción otros varios que pasan de los 1.000 metros (Krémentchoug, en Ukrania; Zeïsk, en extremo Oriente, etc., etc.).

(*Concluriá.*)

TIPOGRAFÍA CHULILLA Y ANGEL.—Torrecilla del Leal, 17 - Teléfono 71926